# Norvega Esperantisto

N-ro 3
1993

3a periodo 60a (69a) jaro ☆ ESPERANTOBLADET

El la enhavo:



**Bonvolu kunporti**

^ci tiun Norvega Esperantisto-n, kiam vi venos al la landa kunveno.

# Karaj legantoj -

Ankoraù unu numero kun preskaù nur necesa^joj, kiu esperble atingos almenaù la plej proksimajn el vi antaù la landa kongreso, malgraù la du feriaj tagoj en semajno 20.

DD

# Esperantaj literoj - ĉu ne baldaŭ ankaŭ en Norvega Esperantisto?

De tempo al tempo iu nia membro atentigas nin, ke la Esperantaj literoj ^c, ^g ktp enestas en la karaktraro de VortoPerfekta (vd. E-nytt 2/90, p. 4), aù ke ili bele skribeblas per komputilo de la marko Makinto^s. Do kial ne ankaù en Norvega Esperantisto, kiu cetere e^c ^cesis prezenti nacilingvajn tekstojn kursive? ^Cu ni ne jam en n-ro 5/91 aùguris instalon de mira^jo: lasera printilo, kiu kapablu ^ciom?

Klare tempas por resuma informo:

Unue, ne sufi^cas, ke eblas uzi la literojn interne de la ma^sino: la granda defio estas ilin surpaperigi.

Kaj plue, nia tiama komputila konsilanto, preskaù solvinte la problemon, translo^gi^gis lastsomere al Stokholmo, kaj demisiis. Lia posteulo - cetere nekompetenta pri Makinto^s - survojis al la Fina Solvo, kiam iun nokton en decembro for^steli^gis nia tuta ilaro. Kaj poste lin trafis malsanegoj ^ce du proksimaj familianoj. Sed nun finfine li faris fundajn esplorojn, informi^gante, ke aùtune aperos surmerkate nova "lingvomodulo" por VortoPerfekta, kiu kapablos adekvate trakti la Esperantajn literojn, kaj nova printilo pli taùga ol la nunhaveblaj. Li konkludas, ke estos prudente atendi kelkajn pluajn monatojn antaù ol fari la a^ceton.

Intertempe ni uzas malnovan, sed plene uzeblan komputilon, kiun ni akiris senpage, kaj portadas diskedon al la Universitata Biblioteko por surpaperigo.

Kaj multaj aliaj devoj ne lasas tempon por kaligrafia surmeto de supersignoj. Cetere perdi^gis la kaligrafiilo, kaj nova ne haveblas.

DD

La prezidanto:

# Temas pri vortaroj

Mi memoras ke mi kiel juna kaj nova esperantisto partoprenis en la 15a kongreso de IFEF en la brita urbego Stoke-on-Trent. Tie d-ro Ivo Lapenna festparoladis, kaj lia forta apelacio al ni estis: Malpli da verdaj steloj kaj esprimoj kia "Vivu Esperanto" - anstataùe pli da utila laboro!

Vi montru al la homaro la taùgecon de Esperanto en la praktika vivo!

Tre ver^sajne tiuj admonaj vortoj por kelkaj entuziasmuloj havis la efikon kiun havas sitelo da glacia akvo ver^sita al la korpo - tamen la brava doktoro pravas!

Se Esperanto vere estu signifoplena, oni devas uzi ^gin en siaj diversaj laborterenoj, aù en siaj interrilatoj kun saminteresuloj transverse de ^ciaj limoj.

Nur entuziasmo sen certa celo ne valoras.

Sed se tio vere estu ebla, necesas sufi^ce da vortaroj


ISSN 0029-361X

Norvega Esperantisto

ESPERANTOBLADET

DUMONATA REVUO DE NORVEGA ESPERANTISTA LIGO

NORVEGA ESPERANTISTA LIGO
NORSK ESPERANTO-FORBUND
Postgiro: 0803 5100300

ELDONEJO ESPERANTO A/S
ESPERANTOFORLAGET A/S
Postgiro: 0809 5100318

Redaktis Douglas Draper.

Telefon: 22 35 08 94

Redakcio kaj ekspedejo:
Olaf Schous vei 18
N-0572 Oslo
Tlf. 22 35 08 94

Adresse: Olaf Schous v. 18, N-0572 OSLO 5
Kontortid: mandag, torsdag 15.30-16.30
onsdag 14.30-15.30

Ĉefdelegito de UEA:
Kjell Gustavsen,
Rasmus Engers vei 10, 0956 OSLO 9
Postgiro 0808 5133293 Bankgiro 1609.08.5500.3

Jarabono (1993): 70 kr.

Turisma Servo de NEL
ĉe Agnar Fitjar
5240 Valestrandsfossen
Tlf. 05 - 39 42 71.
Postgiro 0809 5100326

Ofsete presita en
Rødtvedt eldresenter
0956 Oslo

por kiel eble plej multe da bran^coj kaj interesoj.

Dum la jaroj estas ellaboritaj diversaj vortaroj. Por mencii kelkajn - trovi^gas tiu por geologio, alia estas jura vortlisto, kaj en Hungario eldoni^gis dum la jaro 1972 ampleksa libro kies titolo estas: La sporta lingvo en Esperanto, supozeble tre aktuala ^ci-lande ^guste nun kiam la vintraj olimpikaj ludoj staras antaŭ la pordo.

Menciinda estas ankaŭ la kajereto: Tabuaj vortoj en Esperanto, kiu eldoni^gis en Vraca, Bulgario, dum la jaro 1991. La jen menciitaj estas ver^sajne nur eta parto de varia eldona^jaro.

La fervojo estas unika laborterenо kun tre speciala terminaro kaj stilo, kaj pro tio la Internacia Unui^go de Fervojoj (IUC = Union Internationale des Chemins de Fer) eldonis fervojfakan terminaron. Tiu estas ordigita laŭ alfabeta ordo kaj en la franca lingvo. Estas traduka^jo de la vortaro al la jenaj lingvoj: germana, angla, itala, hispana kaj fine ankaŭ al la nederlanda.

Jam dum la 19a kongreso de IFEF en Fulda en Germanio estis disdonita listo kun ^c 2 000 diversaj el la plej ofte uzataj vortoj kun traduko al Esperanto, kune kun admono ke oni traduku tiujn al la diversaj naciaj lingvoj.

Sekve de tio estis dum la jaro 1968 preta kajero: Fervoja Terminaro norvega - Esperanto / Esperanto - norvega.

^Gin ellaboris Norvega Esperantista Fervojista Asocio NEFA, kaj eldonis NSB.

Sed en ^ciuj terenoj okazas evoluo, kaj tio kio okazas sur la teknika tereno, en alta grado influas la lingvojn, kompreneble ankaŭ Esperanton. La menciita kajero eldonita de NEFA nun estas tro malmoderna kaj ne plu aktuala.

La fervojfaka terminaro aperis en modernigita formo, kaj nun laborgrupo de IFEF tradukis la tutan fervojfakan vortaron al Esperanto.

Estas nun grava tasko por la fervojistaj esperantistoj traduki la vortaron el Esperanto al la naciaj lingvoj, kaj ^ce NEFA laborgrupo sub gvidado de Per Engen nun tradukas la vortaron al la norvega lingvo.

Kunlaboras Kåre Bye, Rolf Bergh kaj Per Johan Krogstie.

Kiam tiu traduka kaj evaluada laboro iam estos preta, oni povos doni praktikan pruvon ke Esperanto servas kiel taŭga pontolingvo inter majoritata kaj minoritataj naciaj lingvoj.

Momente UIC preparas sian kvinan eldonon de la fervoj-faka terminaro (Lexique général des termes ferro-viaires) - Tiu nova eldono ne estos presata en formo de libro, sed ^gi estos eldonata sur diskedoj por uzado en komputiloj, kaj ^gi ampleksos entute 11 lingvojn.

Post severaj traktadoj inter UIC kaj IFEF nun estas decid-ite ke Esperanto estos inter tiuj 11 lingvoj. La kondi^co estas ke IFEF devas liveri la esperantlingvan parton de la vortprovizo. Aldone IFEF povas pagi konsiderindan monsumon por parte kovri la krom-kostojn por aldona lingvo.

Tiu ^ci interkonsento signifas ke Esperanto estas akceptita kiel oficiala lingvo en la internacia terminaro de UIC. La esper-antistaj fervojistoj konsideras ke tio estas grava atinga^jo en la streboj doni al Esperanto rekonon kiel grava internacia komunikilo. Tiu sukceso povu esti instigilo por esperantistoj kiuj laboras en aliaj fakaj terenoj, ke ili veku en siaj organizoj intereson atingi simile bonajn rezultojn.

Kiam temas la vortarojn por ^generala uzado: norvega-Esperanto kaj Esperanto-norvega, la tutmonda evoluo forkuris de ili, kaj ^sajnas nun esti ege necese kiel eble plej baldaŭ ellabori pli modernajn eldonojn de tiuj libroj.

^Car sen modernaj kaj tempo-aktualaj vortaroj Esperanto fari^gos morta lingvo, kaj tian malbonan sorton ^gi ne suferu.

Per Johan Krogstie

La informojn pri la nuna stato de la UIC-leksikono donis la prezidanto de IFEF: Per Engen.

---

FERVOJISTOJ!

De IFEF, la Internacia Fer-vojista Esperanto-Federacio, ni ricevis la jenan alvokon:

Fervojoj estas en la tuta mondo. IFEF, la plej vasta Esperantista faka organizo, ali^ginta al UEA, intencas pligrandigi sian anaron en ^ciuj landoj; ^cefe kie ankoraŭ ne estas kunordigitaj aŭ estas izolitaj membroj fervojistaj.

Ni varme invitas interes-itojn kontakti la sekretar-ion: d-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna, Italio. [IFEF-sek.

Ni aldonu, ke interesitaj norvegoj pli oportune kon-taktu la vicprezidanton de la norvega fervojista asocio (NEFA): Rolf Bergh, Syrinvn. 12, 1711 Sarpsborg. Tlf. 69 14 64 28. [Red.

# Stort overskudd fra UK i Bergen tilfaller norsk e-bevegelse

Vel 50 000 kroner er nylig mottatt av Forbundet etter at boksalget ved kongressen endelig er gjort opp. Formelt er dette merverdiavgift ("moms") som UEA måtte legge ut da bøkene ble ført inn i landet, og som vi nå får tilbakebetalt. Egentlig dreier det seg om overskuddet etter kongressen, som tilfaller vertslandets organisasjon, og som vi får utbetalt på denne måten for å unngå pengeoverføring over landegrensene.

(En betingelse for å få tilbakebetalt denne merverdiavgiften var at salget i Bergen skulle være administrert av et oppgavepliktig norsk selskap - og det ble Esperantoforlaget. En følge av dette er at fortjenesten på salget blir skattepliktig. En del av det tilbakebetalte beløpet settes derfor av til vanlig inntektsskatt.)

Det er (likevel) ca 52 000 kr. som tilfaller oss, og pengene er nå overført.

Når det hele har tatt så lang tid, skyldes det at myndighetene oppfattet adressen til Forlaget som Grieghallen i Bergen, med den følgen at posten kom i retur og frister ble overskredet. Det har vært mye strev med å få oppklart dette, og for å få saken i havn har Kjell Gustavsen gjort en stor innsats ved å legge saken fram for saksbehandleren hos fylkesskattesjefen, og skaffe nødvendig dokumentasjon fra UEA.

(Skrevet etter opplysninger fra Harald Rygg.)

Klubben i Bergen har tidligere mottatt et tilsvarende beløp*. UEA og LKK ønsker at pengene skal brukes til informasjonsarbeid i Bergen, mens det innenfor Forbundsstyret er reist forslag om å tilbakeføre i hvert fall 20 - 25 000 kr. til Uhlen-legatet.

DD

**EN ESPERANTO**

Post longedaŭra batalado kontraŭ persistaj formalaj malhelpoj, pli ol 12 000-guldenan sumon el la profito de la UK en Bergen finfine ricevis NEL. Similan sumon* jam ricevis samfonte la klubo de Bergen.

---

* ĉ 75 000 kr.

# La baltaj ŝtatoj - ĉu oficialigo de Esperanto?

En la baltaj ^statoj estas nun relative bonaj cirkonstancoj por oficiala enkonduko de Esperanto kiel supernacia dua lingvo, skribas Matthias Behlert, germano lo^ganta en Pollando, i.a. en artikolo aperinta en Litova Stelo kaj poste ankaù en Eventoj n-ro 27:

La kondi^coj por rapida plivasti^go de Esperanto en la baltaj ^statoj nuntempe estas la plej bonaj en la tuta mondo. Kial? - I.a. ^car:

1. La sola komuna lingvo inter la tri baltaj popoloj estas la rusa, kaj ^gin la civitanoj plejparte ne ^satas.
2. En Baltio estas relative multaj Esperantistoj.
3. Baltio trovi^gas ekster la rekta influsfero de la angla kaj de aliaj okcidentaj lingvoj.

Behlert ampleksigis siajn pensojn en cirkulera letero al NEL:

En la lernejoj en Baltio oni provas instrui precipe la anglan, francan kaj germanan. Tio estas malfacila, ^car mankas instruistoj.....la anglan, germanan aù francan ili ja preskaù nenie aùdas. Do la perspektivo en la nuna situacio estas, ke post kelkaj jaroj la kapableco de junaj homoj en la baltaj ^statoj, interkompreni^gi kun homoj el najbaraj landoj grave malpliboni^gos.

La sinteno de la baltaj registaroj ver^sajne estas la plej pozitiva de ^ciuj registaroj en Eùropo aù e^c en la mondo. La ministerioj pri edukado en Litovio kaj Estonio mem turnis sin al la E-asocioj de siaj ^statoj, proponante al ili ekinstruon de Esperanto en lernejoj. Ili ^gis nun nur ne pretas subteni tion finance aù alimaniere. La ^cefa kialo por tio estas supozeble la pritakso, ke Esperanto ^gis nun en la mondo bedaùrinde tre malofte estas uzata.

Nur en Latvio la nuna ministro por edukado pro iu kialo mal^satas Esperanton.

Sed la perspektivo estas ne nur balta:

Oficiala ekuzo de Esperanto inter la baltaj ^statoj tutcerte kaùzus ^cenreakcion: ^Gi ^sovus nian lingvon en la lumon de la monda publikeco, kaj ankaù donus stimulon al ^ciuj esperantistoj en la tuta mondo.

Behlert proponas la jenan strategion:
A. konvinki la civitanojn kaj la registarojn de la baltaj ^statoj, ke ne indas, ^jus liberi^ginte de unu grandpotenco, submeti sin al alia. Ene de Eùropa Komunumo ili estus la lastaj de la lastaj.
B. Forigi la antaùju^gojn kontraù Esperanto, klarigante ke la verda stelo nenion komunan havas kun la ru^ga.

Sed malhelpa faktoro estas la malbona ekonomia situacio en tiuj landoj: Kun avera^ga monata salajro inter 20 (Litovio) kaj 40 (Latvio, Estonio) usonaj dolaroj, la ^ciutaga batalo por la ekzistado ne permesas pensi pri lingvaj ideoj.

Tamen e^c tiu malbona situacio povas esti favora, se temas pri disvastigo de Esperanto en tiuj landoj. Nome tio signifas, ke por la sama monsumo en la baltaj ^statoj oni povas fari multoble pli por Esperanto ol en okcidentaj landoj. Ekz. kontraù 30 USD en bonstataj landoj oni povas a^ceti 2-4 lernolibrojn aù pagi por 3-5 horoj da laboro. En Baltio la sama sumo signifas multajn dekojn aù e^c centojn da lernolibroj, respektive salajron tutmonatan por persono laboranta por Esperanto.

Behlert konkludas el tio, ke nia okcidenta mono nuntempe multe pli efike povas servi al la afero de Esperanto en la baltaj ^statoj ol en nia propra lando.

Sed la favora kurza situacio ne daùros eterne. Ekz. en Pollando komence de la 1990a jaro la avera^ga monata salajro laù konverta kurzo estis proksimume 35 USD. Nun ^gi estas pli ol 200 USD.

Li finas per jena alvoko: Bonvolu pripensi regulan transpagon de iu sumo inter 1% kaj 5% de via bu^geto. Por vi tio ne estos granda malgajno, sed por la afero de Esperanto, por la baltaj esperantistoj, tio estos netakseble grandega helpo.

+

La estraro de NEL diskutis ^ci tiun aferon. Oni aludis la eblon organizi monkolekton, sed provizore decidis esplori pri la sinteno de UEA, kaj peri la proponon al la membroj por inviti reagojn.

DD

# Laborplano
## por la venontaj du jaroj
## 1993 - 1995

Kiel ^gis nun la labortaskoj okazu dukampe: interne kaj eksteren.

L a  l a b o r o  i n t e r n a

1. Gravas la membrojn kunigi, kaj voligi ilin aktivi kaj forto-stre^ci. Grava helpilo en tiu laboro estas NORVEGA ESPERANTISTO, kiu devas aperi regule por ke ^gi funkciu laùcele.

2. Okazigo de seminarioj por la membroj.

3. Devas esti aktuala tasko nun modernigi la korespondan kurson kiun ofertas kaj NEL kaj Popola Perletera Lernejo (Folkets Brevskole); kaj aran^gi laùeble multajn kursojn por komencantoj, se eble kune kun aliaj organiza^joj.

   NEL devus kontakti^gi kun Norvega Esperantista Fervojista Asocio - NEFA (NSB Esperantoforbund), kiu ofertas al gescivolemuloj bazon kurseton en ses partoj, por kunagi kun tiu faka asocio rilate informadon kaj instruadon pri la lingvo.

   Necesas prizorgi ke gekursanoj ne forfalu, sed ke ili estu aktivaj esperantistoj kaj anoj de NEL, ankaù de aliaj esperanto-organiza^joj, ^ciu laù sia intereso kaj persona bezono.

4. Estas nun ege necese ke aperu novaj eldonoj de vortaroj: norvega - Esperanto kaj Esperanto- norvega. Tiucele nun laborgrupo en Trondheim aktivas.

5. Modernigo kaj plibeligo de "Esperantonia" - la oficejo kaj kunvenejo en Oslo - ^ciam devas esti tasko. Multo estas farita, tamen ankoraù estas farenda^joj, ekzemple ordigado.

6. Aktualas prizorgi la aran^gadon de la biblioteko laùeble sekure kaj funde.

7. Ni devas instigi al fondado de lokaj esperanto-kluboj laù-eble vaste en la lando. Ili estu la "plilongigitaj brakoj" de NEL.

   Ni priatentu ke la statutoj de la unuopaj kluboj estu en harmonio kun tiu de NEL.

L a  l a b o r o  e k s t e r e n

1. Ni ser^cu konsilanton pri enmerkatigo, kaj ankaù spertulojn pri diversaj fakoj, kiuj povus prepari por ni la laboron aleksteran, kaj doni al ni bonajn konsilojn diverskampe.

2. Estas dezirinde ke eksterlandaj esperantistoj venos vizite kelkfoje dum ^ciu jaro al Norvegio. Se ni utiligos ilian ^ceestadon ili efikos kiel bonaj ambasadoroj por Esperanto.

   Dum tiaj vizitoj estas grave kaj celtrafe prezenti ilin per la amasmedioj, kaj cetere al la publiko pere de la lernejoj aù pere de la diversspecaj organiza^joj kiuj volas inviti tiujn gastojn prelegi, kompreneble en Esperanto kun interpretado al la norvega.

3. Ni devas kunlabori kun aliaj organiza^joj kun kiuj NEL sentas parencecon, sed oni gardu sin, ke oni ne venu en konflikton kun la principo de neùtraleco rilate al ^ciaj formoj de ideologioj.
   La kunlaboro okazu tiel, ke NEL estu reprezentata en kunvenoj, festaran^goj aù sim. de tiuj organiza^joj; tamen devas esti eblo dum tiaj kunvenoj rajti informi pri tio kion ni reprezentas: Esperanto kiel lingvo por la koncerna organiza^jo kiu invitis nin ^ceesti. Se tio ne estas permesata, kunlaboro kaj reprezentado ne havas intereson.

4. Por informado eksteren estas necese ke aperu malgranda katalogo en kiu estas prezentata niaj diversaj produktoj:
   - migra ekspozicio
   - vidbendoj
   - lerniloj
   - libroj
   - perioda^joj
   - informo pri praktika uzado de Esperanto por la junularo,

do Pasporta Servo kombine kun la fervoja oferto "Interrail" (Interrelo)

Tiun katalogon oni produktu dulingve: norvege kaj en Esperanto, por ke ^ciuj povu kompreni la enhavon. Cetere ^gi estu okulfrapa, abunde ilustrita prefere ol vortri^ca, kaj belaspekta por ke ^gi veku intereson inter modernaj homoj.

5. Devus esti la celo por la komencanta dujara laborsezono, ke kluboj kaj unuopulaj geesperantistoj vaste tra nia longa lando faru sian eblon igi la propran gubernion (fylke) laù-eble bone informita kaj influita de Esperanto. Povus esti konkurso inter la unuopaj gubernioj pri tio: kiu el ili atingis la plej bonajn rezultojn tiurilate.

Estas forta espero de la estraro ke la jen prezentata laborplano estu celtrafa gvidlinio por la plenumado de tiu celo; ni vidu fruktodonajn rezultojn post du jaroj!
Dum tiaj vizitoj estas grave kaj celtrafe prezenti ilin per la amaskomunikiloj, kaj cetere al la publiko pere de la lernejoj aù pere de la diversspecaj organiza^joj kiuj volas inviti tiujn gastojn prelegi, kompreneble en Esperanto kun interpretado al la norvega.

---

# Kotizoj:
# ĉu altigo en 1994?

I.a. pro la nova elspezo por nia biblioteko en Hamar (vd. N.E. n-ron 2), kaj novigo de la elektra instala^jo de Olaf Schous vei 12-18, la estraro proponas 25%-an plialtigon de la kotizoj en 1994: Por rektaj membroj ili do i^gos 150/ 100 kr. por membroj respektive super/sub 30 jaroj, kaj 50 kaj 20 kr. por familiaj membroj. Simile plialti^gu la kotizoj kiujn pagas la kluboj al NEL por siaj membroj, kaj sekve la klubaj kotizoj.
Sed la decidon pri tio faros la partoprenantoj de la landa kunveno en Skjeberg.

**PÅ NORSK**

Styret foreslår en 25% kontingentforhøyelse i 1994, bl.a. pga utgifter til leie av bibliotekplass på Hamar og til nytt elektrisk anlegg på kontoret i Oslo. Tas opp på landsmøtet.

Norvega Esperantista Ligo

# Jarkalkulo 1992

La revizoroj rezervas sin koncerne ev. lastajn ^san^getojn.

## ELSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| La Domo | | 5.000 |
| Afranko | | 9.509 |
| Telefono | | 2.290 |
| Voja^goj | | 2.676 |
| Gazetara servo (Argus) | | 0 |
| Norvega Esperantisto/Esperanto-nytt | | |
| ------------------------------------- | | |
| Presado | 10.304 | |
| Distribuo | 4.097 | |
| Abonoj | -3.042 | 11.359 |
| | | ------ |
| Al Norvega Junularo Esperantista | | 2.700 |
| Kotizo al UEA | | 2.016 |
| Kotizo al "Foreningen Norden" | | 500 |
| Kotizo al FN-sambandet | | 200 |
| Diversaj Elspezoj | | 4.322 |
| Profito al kapitalkonto | | 8.991 |
| | | ------ |
| | | 49.563 |
| | | ====== |

## ENSPEZOJ:

| | | |
|---|---|---|
| Klubkotizoj | | 28.265 |
| Kotizoj de rektaj membroj | | 12.380 |
| Oficeja Fonda^jo | | 0 |
| Klubo Cent | | 0 |
| Transskribita de "Esperantos Venner" | | 2.922 |
| Vendo de vidbendoj | | 118 |
| Diversaj enspezoj | | 3.333 |
| Legaco Rolf Uhlen ni transprenis | 0 | |
| - " - ni distribuis | - 3.533 | |
| Transskribita de Bilanckonto | 3.533 | |
| | ------ | ------ |
| Interezo | | 2.545 |
| | | ------ |
| ^Ciujn sumojn ni rondigis plenkronen - Red. | | 49.563 |
| | | ====== |

B I L A N C O 31.12.92

# Aktivaĵoj

| | |
|---|---|
| En la kaso | 0 |
| Po^st^giro | 4.713 |
| Po^st^giro - "Esperantos Venner" | 1.035 |
| Kreditkassen, konto de funkciado | 4.187 |
| ABC - Bank, propaganda fonda^jo | 0 |
| Kreditkassen, altintereza konto | 83.429 |
| Akcioj en Eldonejo Esperanto | 18.725 |
| Olaf Schous vei 18, la parto de NEL | 97.667 |
| | -------- |
| | 209.756 |
| | ======= |

# Pasivaĵoj

| | | |
|---|---|---|
| Propaganda fonda^jo | 20.692 | |
| ricevita 1992 (de UNESKO por bro^suro) | 3.000 | |
| elpagita 1992 | -6.500 | |
| interezo | 1.600 | 18.792 |
| | --------- | |
| Fonda^jo dumvivaj membroj | | 7.846 |
| Studfonda^jo | | 4.219 |
| La Dom-konto (vidu apartan kalkulon*) | 33.745 | |
| A^ceto de inventaro | 0 | |
| Interezo | 3.000 | |
| Diversa^joj | -4.062 | 32.684 |
| Ricevita de Legaco Rolf Uhlen | | |
| por a^ceto de libroj kaj bindado - resto | 637 | |
| lerneja ese-konkurso - resto | 6.073 | |
| por seminarioj | 10.205 | 16.914 |
| | | ------- |
| Kapitalkonto 1.1. | 120.309 | |
| Profito | 8.991 | 129.300 |
| | | --------- |
| | | 209.756 |
| | | ======= |

Oslo 31an Decembro 1992 / 23an de Februaro 1993

Olav Bjørnsrud / Helge Knudsen (revizoroj) — Erling Killingbergtrø (kasisto)

---

* Kie? - Red.

# Kompara prezento

^Ci tio estis provizora dokumento por la estraraj kunsidoj en februaro/marto, tamen ni aperigas ^gin ^ci tie, ^car ^gi ja donas bonan superrigardon. - Red.

| ENSPEZOJ | 1991 | 1992 | bud^geto 1992 | dife- renco | bud^geto 1993 |
|---|---|---|---|---|---|
| Kotizoj klubaj | 25.814 | 28.265 | 24.000 | 4.265 | 40.420 |
| Kotizoj rektaj | 12.538 | 12.380 | 12.000 | 380 | - |
| Donacoj, Klubo Cent | 115 | 0 | 1.000 | -1.000 | 0 |
| Donacoj, kontorfond. | 710 | 0 | 1.000 | -1.000 | 1.000 |
| Diversaj enspezoj | 999 | 3.333 | 0 | 3.333 | 2.000 |
| Esperantos venner | 4.239 | 2.922 | 2.000 | 922 | 3.000 |
| Vendado de vidbendo | 518 | 118 | 0 | 118 | 300 |
| Interezoj - div. | 3.030 | 2.545 | 2.000 | 545 | 2.000 |
| | 47.963 | 49.563 | 42.000 | 7.563 | 48.720 |
| ELSPEZOJ | | | | | |
| Esperanto-nytt | 1.376 | 600 | 4.000 | -3.400 | - |
| Norvega E-isto | | | | | |
| abonoj | -2.685 | -3.042 | -3.000 | -42 | - |
| dissendado | 3.694 | 4.097 | 7.000 | -2.903 | - |
| presado | 12.905 | 9.704 | 7.000 | 2.704 | - |
| Afranko | 9.655 | 9.509 | 5.000 | 4.509 | - |
| | 24.945 | 20.868 | 20.000 | 868 | 21.181 |
| Voja^gelspezoj | 1.763 | 2.676 | 2.500 | 176 | 2.500 |
| Telefono | 2.313 | 2.289 | 4.000 | -1.710 | 4.000 |
| Kontorrekvizitoj | 3.121 | 244 | 3.000 | -2.756 | 3.000 |
| Al NJE | 2.700 | 2.700 | 2.700 | 0 | 2.700 |
| Diversa^joj | 2.579 | 4.078 | 2.500 | 1.578 | 4.000 |
| Domluo | 5.000 | 5.000 | 5.000 | 0 | 6.000* |
| Gazeteltonda^joj | 2.640 | 0 | 0 | 0 | 0 |
| Al/de UEA | 1.715 | 2.016 | 1.600 | 416 | 1.600 |
| Til la UN asocio | 200 | 200 | 200 | 0 | 200 |
| Al la Nordio-asocio | 500 | 500 | 500 | 0 | 500 |
| | 47.476 | 40.572 | 42.000 | -1.428 | 45.680 |
| SUMA PROFITO | 487 | 8.991 | 0 | 8.991 | 3.039 |

* Venos kromelspezo de 25.000 kr. por novigo de la elektra instala^jo de la oficejo en Oslo.

# Esperantologiaj studoj por eksterlandanoj en Budapeŝta universitato

Ni ricevis faldfolion pri la ebloj studi Esperanton universitatnivele en Buda-pe^sto. Jen koncize el ^gi. (Se vi interesi^gas, petu kopion de ni.)

1. La 3-jara internacia koresponda studo komenci^gos denove en la studjaro 1993/-94. Po unusemajna restado en Budape^sto dum semestrofinoj por prelegoj, konsultigoj kaj ekzamenoj (en septembro kaj februaro). Diplomlaboro por magistra titolo post du jar-oj, doktori^go post la tria. Kotizo 500 usonaj dolaroj.

2. Taga esperanto-fako ^ciu-jare. Kompletigaj studhoroj i.a. pri la hungaraj kulturo kaj lingvo. ^Stata ekzameno kaj magistra titolo. Kotizo laŭ semestroj: 1750 usonaj dolaroj.

3. Kompleta universitata formado en taga kurso. 5-jara supera-grada formado, kombin-ite i.a. kun lernado de la hungara lingvo. Kotizo laŭ semestroj: 1750 usonaj dolaroj.

# Internaciaj aranĝoj

<u>Ni memorigas speciale pri:</u>

24.-31. julio: Universala Kongreso (UK), Valencia. Ali^giloj haveblas en nia oficejo.

19. - 22.8 Kultura Esperanto-Festivalo, <u>Kopenhago</u>. Pri la originala Esperanto-kulturo (muziko, teatro, literaturo, ktp.). Pliaj informoj oficeje.

3.-5.9 Nordia Renkonti^go Aŭtuna de la <u>junularo</u>, en la pacocentro Kornhaug apud Lillehammer. Pliaj informoj venos en Kvinpinto n-ro 3 aŭ haveblas en nia oficejo.

Vd. p.19

# Latvio - turisma kunlaboro?

Kovnators Naumo, el Liepaja en Latvio, skribas al ni, ke li fondis oficialan entreprenon, kies tasko estas propagandi Esperanton. La buroo dume okupi^gas pri komerco por prilabori monon. Estontece li volas konstrui E-centron sam-urbe.

Li proponas kunlaboron en la kampo de Esperanto-turismo, kaj ser^cas kunlaborantojn kaj perantojn. Ili ricevos salajron. Adreso: Esperanto-Buroo, Liepaja-16, Abonkesto 11064, LV-3416 Latvio.

# Skal Forlaget nedlegges?

## Alle forbundsmedlemmer er stemmeberettiget!

På Forlagets generalforsamling på landsmøtet i Skjeberg blir det framsatt forslag om at Forlaget omdannes fra aksjeselskap til f.eks. litteraturavdeling av Forbundet. Stemmeberettiget er ikke bare de individuelle aksjonærene, men ethvert medlem av Forbundet, i og med at Forbundet har flere hundre aksjer, og de tilhørende stemmene fordeles likt blant de tilstedeværende medlemmer på generalforsamlingen.
Derfor gjengir vi her innstillingen fra Helge Knudsen (som er revisor for Forbundet).

TIL AKSJONÆRENE I ESPERANTOFORLAGET A/S

Fra: Helge Knudsen.

Vedr. ENDRING AV SELSKAPSFORM

1. BAKGRUNN

Som kjent har Esperantoforlaget A/S siden stiftelsen i 1946 forestått størstedelen av den norske esperantobevegelsens omsetning av bøker og tidsskrifter.
Selskapet er solvent og alle offentlige krav er oppfylt.

Som følge av de senere års hendelser i norsk næringsliv står vi nu sannsynligvis foran en vesentlig tilstramming av kravene til aksjeselskaper. Det er spesielt to forhold som ventes å få betydning for Esperantoforlaget A/S:

1. Minstekravet til aksjekapital vil bl hevet til 150 000 - 200 000 kr.

2. Revisjon av regnskapet vil bli krevet gjennomført av ekstern autorisert revisor. Dette vil medføre en betydelig årlig utgift.

I tillegg må nevnes at aksjeselskapformen allerede i dag innebærer en del administrativt merarbeide for å oppfylle de offentlige krav.

dek ses

## 2. ALTERNATIVE SELSKAPSFORMER

Etter undertegnedes oppfatning er følgende fire selskapsformer aktuelle:

### 2.1 AKSJESELSKAP
Dvs. ingen forandring. Vi vil antagelig kunne holde på aksjeselskapsformen ennu en tid. Jeg ser imidlertid i dag ingen konkrete fordeler med dette.

### 2.2 STIFTELSE
Denne form innebærer offentlig krav uten å gi tilsvarende fordeler.

### 2.3 ANSVARLIG SELSKAP
Det kan tenkes flere juridiske former. Felles for dem alle er at en eller flere (fysiske) personer må stå ansvarlig for driften og personlig hefte for selskapets gjeldsforpliktelser.

### 2.4 SEKSJON AV NORSK ESPERANTO-FORBUND (Forbundet)
Dette er antagelig den mest hensiktsmessige løsningen. Virksomheten vil i praksis kunne fortsette som i dag, dvs. som en separat enhet med eget styre og regnskap. Før det kan tas endelig beslutning må imidlertid de offentlige mydigheter forespørres om følgende:
- Regnskapsplikt
- Revisjonsplikt av regnskapet
- Merverdiavgift
- Skattespørsmål

Det er pr. i dag ikke mulig å si i hvilken grad disse forhold vil være avklaret for generalforsamlingen den 28. mai 1993:

3.1 Generalforsamlingen pålegger styret å forestå oppløsning av Esperantoforlaget A/S i henhold til de offentlige regler (Aksjeloven).

3.2 Dersom det senere fremkommer opplysninger som i vesentlig grad taler imot oppløsning av selskapet, har styret anledning til å utsette iverksettelsen i påvente av avgjørelse ved neste generalforsamling.

3.3 Esperantoforlagets andeler i Olaf Schous vei 18 fordeles på Forbundet (hovedorganisasjonen) og Oslo Esperantoklubb, slik at disse får 50% eierandel hver.

3.4 Det opprettes en ny seksjon av Forbundet med sikte på å overta den nåværende virksomhet i Esperantoforlaget A/S. Navn, ledelse og statutter for denne seksjon bestemmes i hovedtrekk på generalforsamlingen i Esperantoforlaget A/S.
All eiendom og gjeld i Esperantoforlaget A/S, bort-

sett fra den nevnt i punkt 3.3, overdras til seksjonen.

3.5 Aksjonærene forespørres om man er villig til å overlate sine aksjeinnskudd til den nevnte seksjon av Forbundet.

3.6 Alternativt gir generalforsamlingen styret pålegg om, når de under avsnitt 2 nevnte spørsmål er avklaret, å innkalle til ekstraordinær generalforsamling med sikte på oppløsning av Esperantoforlaget A/S.

I henhold til Aksjelovens paragraf 13.1 krever oppløsning av et aksjeselskap minst 2/3-flertall, såvel av de avgitte stemmer som av den aksjekapital som er representert.

De offentlige gebyrer for oppløsning av selskapet beløper seg til kr. 3 800 kr. (ifølge Brønnøysundregistrene).

Oslo, 19. april 1993
Helge Knudsen (sign.)

**EN ESPERANTO:**
^Gis nun nia Eldonejo estas akcia societo, sed pro novaj formalaj postuloj de la aùtoritatoj, kaj ankaù pro praktikaj kaùzoj, oni proponas alistrukturi^gin kiel libroservon de NEL.

# Kiuj libroj haveblas en Oslo ĉe Eldonejo Esperanto?

Ni nun registradas la stokon de vendotaj libroj k.s. en komputilo, kaj povas skribigi liston kiu montras i.a. kiom da ekzempleroj ni tiumomente havas en la breto en Oslo. Aliajn titolojn ni devas mendi de UEA, kio ja postulas pli longan atendon.

La listo estas dividita en dudekon da rubrikoj:

Lernolibroj, Vortaroj k.s., Gramatikoj k.s., Legolibroj, Porinfanoj libroj, Esperantologio, E-movado kaj -historio, Prozo, Poezio, Dramo, Muziko, Socio, Scienco, Religio, Biografio, Geografio, Bibliografio, Diversaj temoj kaj A^joj (ne libroj).

Kiel provon ni montras ^ciapude tiun parton kiu temas pri lega^jo - facila aù iel didaktika. La kompleta listo mendeblas de la Eldonejo. (Sed mendante ^gin kunsendu prefere afrankitan koverton.)

| Legolibroj | Forfatter | År | Antall sider | Format | Pris | Antall på lager |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Amuza legolibro | Lienhardt, A. | 1989 | 216 | 8° | 60,00 | 0 |
| Amuzaj dialogoj | Lienhardt | 1973 | 144 | 8° | 60,00 | ~~0~~ 4 |
| Bona rido | Helm, Axel A. | 1965 | 85 | 8° | 29,00 | 1 |
| Facilaj dialogoj | Lienhardt | | | 8° | 34,00 | 0 |
| Faktoj kaj fantazioj | Boulton, M. | | | 8° | 126,00 | 0 |
| Fundamenta Krestomatio | Z. | | | 8° | 192,- | 3 |
| Gerda malaperis! | Piron, Claude | 1983 | 48 | 8° | 30 ~~24~~,00 | ~~0~~ 5 |
| Ili kaptis Elzan! | Valano, Johan | 1985 | 103 | 8° | 43,00 | 2 |
| Instrua amuzo | Mar^cek, Stano + Markovi^c, Stano | 1979 | 56 | 8° | 6,00 | 3 |
| Krestomatio de Esperanta Literaturo I | Szerdahely | | | 8° | 51,00 | 4 |
| Krestomatio de Esperanta Literaturo II | Szerdahely | | | 8° | 56,00 | 6 |
| Krestomatio de Esperanta Literaturo III | Szerdahely | | | 8° | 56,00 | 6 |
| Lasu min paroli plu | Piron, Claude | 1984 | 125 | 8° | 50,00 | 0 |
| Legolibro por kursanoj | | | 53 | 8° | 20,00 | 13 |
| Liza kaj Paùlo | | | | 8° | 15,00 | 5 |
| Liza kaj Paùlo, kassett | | | | 8° | 63,00 | 3 |
| Nova Esperanta Krestomatio | | | | 8° | 200,00 | 0 |
| Pa^soj al plena posedo | Auld, W. | | | 8° | 46,00 | 20 |
| Penetre tra jarcentoj | | | 70 | 8° | 25,00 | 57 |
| Stre^c e^c ste^cj ske^c | Stefan MacGill | | | 8° | 37,00 | 2 |
| Vere aù fantazie | Piron, Claude | 1989 | 113 | 8° | 115,00 | 1 |
| Vibraj momentoj | Rosbach, J.H. | | | 8° | 36,00 | 695 |
| Voja^go en Esperanto-lando | Kolker, Boris | 1992 | 340 | 8° | | 9 |

**NJE:**

## La Nordia Renkontiĝo Aŭtuna en Norvegio

**Kiel lastjare, okazos konkursoj kaj ludoj, lingvaj rondoj kaj ekskursoj. (Ekzemple ni povos aranĝi ekskurson al la baldaŭ olimpika urbo Lillehammer, al Aulestad Gård kaj tra la ĉirkaŭanta, bela naturo.) Kantadon kaj dancadon ni promesas. La landaj junular-estraroj povos teni kunvenojn tie (kiel en Göteborg). Krokodilado estos malpermesata, kaj ni esperas, ke povos veni ankaŭ kelkaj nenordianoj, por faciligi malkrokodiladon.**

**Por pliaj informoj, bv kontakti NJE**

**ĉe Jon Arne Holm**
**Blystadringen 12B**
**N-2014 Blystadlia**

**aŭ ĉe Ulf Lunde**
**Kvatro AS, Pirsenteret**
**N-7005 Trondheim**
**NORVEGIO**

**Ulf Lunde**
**Prezidanto de NJE**

# Norvega Kroniko

## BERGEN

La klubo kunvenis la 16an de februaro. La rusa esperantisto Sergej Kuznecov, lingvoprofesoro kiu nun dum 5 monatoj de^joras ^ce la universitato en Bergen, parolis pri la eventoj en Rusio la lastajn jarojn.
13 membroj ^ceestis la kunvenon. La paroladon sekvis fervora kaj interesa diskuto. Post la paŭzo, Kristján Eiríksson disdonis "sian" gazeton La Tradukisto kiun li eldonas en Islando. La partoprenantoj tralegis ^gin kaj iom diskutis la enhavon.

La klubo kunvenis en Bydelshuset, Møhlenpris la 15an de marto.
Lingva duonhoro per Elna Matland; priparolo de rakonteto en la libro "Faktoj kaj Fantazioj" de M. Boulton.
Poste ni diskutis planon por aran^go en Florø la 27an de marto, estos eta ekspozicio kaj disdono de bro^suroj k.s. Unu el niaj membroj, Randi Sortland, lo^gas en Florø.
En Bergen nun trovi^gas tri eksterlandanoj esperantistaj, kaj por ni estas tre interese kunhavi ilin en niaj kunvenoj, ili restos en Bergen almenaŭ dum tempeto, unu islandano, unu el la eksa Jugoslavio kaj unu ruso.

Raportis Elna Matland.

<u>Informa ekskurso al Florø.</u>

26.- 28. de marto Okcidenta Distriko de NEL faris informan ekskurson al Førde kaj Florø, por progresigi la intereson por Esperanto en tiuj lokoj. La klubo en Bergen havas membron kiu lo^gas en Florø, Randi Sortland. ^Si planis kune kun la estraro en la Bergenklubo (Okc. Distr.) kampanjon. En Førde atendis radio^jurnalisto de la distrikta stacio de la ^stata radio, NRK. Intervjuo estis farita kun la tri Bergenanoj Ingebjørg Rambjør kaj Eli kaj Agnar Fitjar, ankaŭ kun Randi Sortland kaj ^sia filino. La intervjuo estis varia, kun muziko de Esperanta muzikgrupo (kasede) kaj demandoj kaj respondoj pri la lingvo kaj la granda utilo kiun oni povas havi de ^gi! ^Gi daŭris proksimume ok minutojn.
La ekskurso pluiris al Florø, kie oni en la sabato aran^gis ekspozicion ^ce la granda "Snorresenteret". La klubo de

Bergen havigis praktikan nepezan ekspozicimaterialon, tiel ke oni povas pendigi ^gis ok diversajn afi^sojn, kaj facile ^san^gi ilin.
^Jurnalisto de la loka gazeto Firdaposten alvenis, faris intervjuon kaj bildojn. Multaj personoj haltis por ekhavi ceteran informon aù diversan materialon, kaj estis deziro partopreni en studrondo por lerni la lingvon! Ke samtempe aran^gis ekspoziciojn ankaù Ru^ga Kruco kaj la Savarmeo nur fortigis la aferon: tri internaciaj "organizoj unuaklasaj"
La du-tri tagoj en Førde kaj Florø estis por ni tre interesaj kaj instigaj; la aran^go, kiu ja postulis iom da planado kaj praktika laboro (!) estis fruktodona; kaj la akcepto kiun donis al ni la familio Sortland estis tre afabla. Espereble ankaù ili fari^gis pli instigitaj ol antaùe.
^Cu nia ekskurso (eble ni faros pliajn) povas esti ekzemplo por aliaj kluboj? Ni esperas tion.

Raportis Eli Fitjar

## MARA VENTO HAUGESUND

Mara Vento okazigis jarkunvenon la 25an de februaro en la KM-domo.
Steffen Kjetland faris unue memorparoladon pri nia ^satata prezidanto Olav Thormodsen kiu mortis Kristnaskvesperon.
Post tio oni transiris al jarkunvenaj aferoj. Jara raporto kaj jarbilanco estis aprobataj. Venis nun tre malfacila punkto: elekto de nova estraro. La subita forpaso de Olav Thormodsen kaj samtempe grava malsaneco de du aliaj estraranoj kreis grandajn problemojn. Sed post longa diskutado ni fine sukcesis prezenti jenan estraron:

Steffen Kjetland - prezidanto
Henry Hermansen - vicprez.
Vasjek Sestak - sekretario
Ingrid Moe - kasisto
Anne Lise Skage - estrarano
Kristian Kristiansen - anst.
Erling Vorland - anstataùanto
Solveig Mathiesen - revizoro
Lilly Valen - revizoro
O.J. Rønnevig - librokomisiulo

Cetere Sestak montris lumbildojn pri Parizo, ni kaftrinkis kaj kiel kutime ni havis ellotadon.
^Ceestis 16 geanoj.

Steffen Kjetland/ Vasjek Sestak

## OSLO

ERARO en N.E. n-ro 1, p.21: Elfalis la dato de la 90-jari^go de Else Bugge-Paulsen. ^Gi estis mardo la 3a de novembro.

La 1an de decembro

Temis pri la internaciaj Esperantoperioda^joj. Diversaj klubanoj prezentis po unu revuon, priparolante i.a. la enhavon, la pres-manieron, la redaktadon, ktp. Por la ekonomio de tiaj revuoj gravas la nombro da abonantoj.

[Raportis Odd Kolbrek

La 15an de decembro. ^Car neniu el la sekretarioj povis ^ce-esti la kunvenon en la Zamenhofa tago, mankis raporto. Sed jen kio okazis: Okaze de la transdono de la Nobel-premio pro la paco al Rigoberta Menchu, Odd Tangerud legis la paroladon de Chief Seattle, la estro de la indianoj, al la usona prezidento Franklin Pierce, kiu volis a^ceti la teritoriojn de la indianoj, kaj doni al ili kompense kelkajn rezervejojn.

Poste li legis noveleton de Alf Prøysen pri diskriminacio: La tondilo kaj la cigan-knabino". La kunveno fini^gis per komuna kantado de du kantoj de Alf Prøysen.

Mardon la 2an de februaro.

La konata rusa lingvisto kaj esperantologo Sergej Kuznecov venis al la kluba kunveno survoje al plurmonata restado ^ce la Universitato de Bergen.

Sprite li rakontis pri la bizara^joj de la vivo en la hodiaŭa Ruslando. Kaj li proponis kunlaboron pri el-donado de libroj. DD

Mardon la 2an de marto

^Generala kunveno. Oni diskutis la uzadon de mono el la propaganda konto dum la informa kampanjo lastaŭtune. Temis pri gazetanoncoj, kaj a^ceto de glumarkoj pluvend-otaj.

Oni reelektis la tutan estraron. Nova revizoro (unu el du) estas Thor Magnus Carlsen kaj nova responsulo pri informado estas Bjørn Øyen.

DD

Lundon la 15an de marto.

Cato Haugen donis norveglingve siajn impresojn de la ^ci-jara Internacia Seminario en Germanio, i.a. pri la sufi^ce primitivaj materialaj kondi^coj.

Mardon la 5an de aprilo

En antaŭpaska kunveno neformala ni diskutis la propagandan fonduson de la klubo kaj la lokigon de la multaj libroj, bro^suroj kaj alia

diversspeca materialo forigotaj el la Universitata Biblioteko en Oslo.

[Odd Kolbrek

Lundon la 19an de aprilo

Per Johan Krogstie ^ceestis Nordian Seminarion en Kungälv, kaj la prelegon, kiun li faris tie pri "La voja^gantoj - forgesita malplimulto" li denove prezentis.

Enkonduke li priparolis la seminarion. Lia prelego temis pri la tataroj, pri iliaj multcentjara historio kaj migrado tra Eùropo al Nordio, plue pri iliaj vivmaniero kaj restado - speciale en Svedio kaj Norvegio.

Ili estas speciala gento, kun kolorri^caj vesta^joj, kiu malfacile adapti^gis al la socioj, kaj ofte vivtenis sin, dum la migradoj de loko la loko, per kontraùle^gaj metodoj.

De tempo al tempo ili persekuti^gis, i.a. en Norvegio dum la germana okupado.

Nuntempe la tataroj ne migras, kaj estas akceptataj same kiel la ceteraj enlo^gantoj en la socio.

Pere de sonbendo la prelegganto aùdigis tatarajn kantojn, kaj norveg- kaj ilialingve, kaj montris bildojn, kun nomoj kaj tekstoj de tataroj.

Rilate al nordiaj gentoj ^generale li iom ankaù priparolis la sameojn.

[Raportis Odd Kolbrek

Mardon la 4an de majo

Helge Knudsen faris, en marto, Voja^gon en la Nordo, pri kiu li prelegis, ankaù montrante lumbildojn de la regionoj, lokoj kaj urboj kiujn li travoja^gis. De Pasvikvalo kaj Murmansk li priparolis la historion.

En Murmansk li restis kelktage, antaù ol li daùrigis la voja^gon al Sanktpeterburgo, kie li vizitis la Esperantoklubon kaj ^ceestis Esperantokursojn.

[Raportis Odd Kolbrek

## STAVANGER

Stavanger estas la kvara plej granda urbo norvega, sed ne havis ^gis antaù nelonge Esperanto-grupon. Nun kvar pioniroj agadis, kaj kunvenis jam plurfoje.

Estas ankaù aliaj interesuloj, sed ni ankoraù ne sukcesis trovi tempon por ^ciu konvenan.

La kunestadoj estas junspiritaj kaj malsolenaj (e^c senprezidantaj!)

- Handy

# Esperanto ĉe la popola altlernejo de Karlskoga



Lastaŭtune Bjørn Øyen, membro en Oslo, partoprenis oksemajnan daŭrigan kurson ^ce la popola altlernejo de Karlskoga. Ni petis lin skribi pri siaj impresoj -

En nia daŭriga kurso estis 14 gelernantoj. Iuj de la plej junaj finis la komencan kurson antaŭ nelonge, kaj tuj pluiris al la daŭriga. Nia instruisto Lars Forsman estas lerta kaj inspira kun plenaj humoro kaj rido.

Ni atendis du lernantojn el Somalio, sed ili tamen ne aperis. Oni povas supozi ke ili havis problemojn voja^gi el la lando, kaŭze de la milito. Do, ni estis aro da lernantoj inter 19 kaj 83 jaroj: svedoj, multaj danoj (la dana invado!) kaj mi. Kun alproprigo de pli bona lingva

lerteco per laborado en la lingvolaboratorio, legado de diversaj literaturaj tekstoj, mallongaj noveloj, rakont-artikoloj pri la vivo de Zamenhof kaj pri la evoluo de Esperanto kaj ties interna ideo (kiu estas neapartigebla de la lingvo), la situacio kreis pozitivan reciprokan inspiron kaj ^gojon, kaj ni lernis kiel interrilati unu kun la alia kaj solvi eventualajn konfliktojn.

Kaj jen mi memoras eldiron de Zamenhof, reagan al la franca esperantisto Louis Beaufront, kiu kontraùdiris la "internan ideon" de Zamenhof, en la dua Esperantokongreso en ^Genevo 1906:

"...El la timo, ke ni eble ne pla^cos al tiuj personoj, kiuj mem volas uzi Esperanton nur por aferoj utilaj por ili, ni devas ^ciuj el^siri el nia koro tiun parton de la esperantismo, kiu estas la plej grava, la plej sankta, tiun ideon, kiu estis la ^cefa celo de la afero de Esperanto, kiu estis la stelo, kiu ^ciam gvidadis ^ciujn batalantojn por Esperanto! Ho, ne, ne, neniam! Kun energia protesto ni for^jetas tiun ^ci postulon. Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ^ciun ideon, ni indigne dis^siros kaj bruligos ^cion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni for^jetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto, kaj ni ekkrios kun abomeno: Kun tia Esperanto kiu devas servi ekskluzive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!"

Multaj el la partoprenantoj interesi^gis ankaù pri "Martinus-kosmologio", de la dana filozofo Martinus Thomsen (1890 - 1980), kiu en sia ^cefverko "Livets Bog" prezentis kosmajn analizojn kaj simbolojn pri la le^goj de la estado. Li ankaù skribis pri la avanta^go de internacia neùtrala kaj logika lingvo kaj emfazis la bezonon de helplingvo por interpopola komunikado. Li opiniis ke Esperanto ^sajnas esti la plej konvena lingvo por tio. (^Ciuj liaj verkoj estas tradukitaj Esperanten, kaj trovi^gas en la biblioteko de NEL. -Red.)

La plej juna lernantino, la fajranima 19-jara Sara, instruis Esperanton al interesitoj en aliaj klasoj de la popola altlernejo du horojn unutage semajne. Ankaù lernantoj en la enmigrintoklaso partoprenis kaj entuziasme bonvenigis ^ci tiun lingvon. Pluraj el ili volonte lernus, sed aldone al aliaj fakoj ^gi postulus tro multe da laboro. Iuj insiste parolis Esperanton ankaù dum la paùzoj kaj dum la man^goj, kaj tiel aliaj malkovris ke Esperanto estas lingvo kiu ankaù parole funkcias! La plej maljuna virino, Else Margrethe el Kopenhago, jam konis Esperanton multjare kaj faris bonan laboron en la esperantosekcio de la biblioteko, en kie ^si ordigis la librojn laù alfabeta vicordo kaj temo je granda ^gojo por la lernejo.

Krom Esperanto ni povis elekti ankaŭ aliajn fakojn, ekz. kantadon, muzikon, ceramikon, teksadon, gimnastikon kaj bazan komputadon. Tiel ni bone konati^gis kun aliaj lernantoj ekster la klaso. Tie lo^gis rifu^gintoj el Irano, Irako, Etiopio, Eritreo, Kenjo kaj ^Cilio, pro kio multaj entuziasmi^gis pri Esperanto kun ties unika neŭtrala pozicio.

Ankaŭ vizitis nin kvar gastoj: Estis litova esperantistino kun sveda amiko, kiuj montris lumbildojn pri Litovio kaj rakontis pri la kulturo kaj historio de la lando. Poste alvenis la gekantistoj Nata^sa kaj ^Jomart el Kasakstano. Ili amuzis nin per rusa kaj esperanta kantado. En la aŭlo ili ankaŭ donis koncerton por ^ciuj en la popola altlernejo: Ili informis pri la malfacilaj cirkonstancoj en Kasakstano, kie etnaj kaj kulturaj konfliktoj povos ekflami. Sed ili tre feli^ci^gis pro la pozitiva atmosfero kiun ili spertis. Fine diversaj kontribua^joj estis donitaj, e^c esperantistaj kantoj. La svedan kanton "Tusen bitar" de Bjørn Alfzelius tradukis Lars Esperanten, kaj ankaŭ ^gin ni kantis. Komence la kantistoj de la ^horo hezitis kanti Esperante, sed post mallonga instruado pri la elparolo de la literoj ili sukcesis.

La popola altlernejo situas landece, kaj promeno laŭ belaspekta lageto daŭras nur 15-20 minutojn ^gis la centro Karlskoga. Krome trovi^gas ebloj fari promenojn en la arbaro laŭ lar^gaj ir-vojetoj. La lernejo havas bonkvalitajn domojn, kaj ^ciuj ^cambroj havas siajn proprajn du^seton kaj necesejon. En kelkaj ^cambroj trovi^gas fridujeto, ^ciu domo havas komunan ^cambron kun televidilo, kaj la prezo estis 4500 svedaj kronoj por 8 semajnoj inkluzive studojn, maten- kaj tagman^gon. Lars Forsman bonvenigas pliajn norvegojn al novaj kursoj, kiuj okazos: Somera kurso en 3 niveloj (7/6 - 12/6-93), kaj ok-semajnaj kurso por komencantoj (23/8 - 15/10-93) kaj por progresantoj (25/10 - 17/12-93) - en Karlskoga Popola Altlernejo, po^stfako 192, S-691 24 Karlskoga, Svedio, tel. 0586-503 60.

Bjørn K. Øyen, Oslo

+

Kaj ankoraŭ unu kurso en Karlskoga: Eŭropo-kurso per tri laborlingvoj - la sveda, la angla kaj Esperanto. La kurso komenci^gos per intensa kurso pri Esperanto por ke la studantoj povu legi gazetojn en tiu lingvo.
23/8-93 - 15/5-94.
Ali^go antaŭ la unua de junio.

## Etimologio:

### Karoto kaj karotido

Unu el niaj legantoj demandas, kial malaperis la etimologiaj artikoletoj, samtempe prezentante du demandojn:

1)"^Cu la du vortoj karoto kaj karotido, kiuj tre similas unu la alian, povas havi komunan pravorton? ^Sajnas ja neeble, ^car karoto indikas legomon, dum karotido estas arterio."

Respondo: La ideo de nia leganto tute ne estas freneza. La komuna pravorto estas la greka kápa, kiu signifas kapo, kaj kiu estas parenca al la latina cerebrum kiu signifas cerbo" (efektive la sama vorto en la latina kaj Esperanto!). La greka vorto karotídes signifas "la grandaj arterioj de la kapo". La greka karotón, karoto, estas deriva^jo de la greka kápa.

#### Dromedaro kaj hipodromo

2. "^Cu la silabo drom en la vortoj dromedaro kaj hipodromo estas samsignifa en ambaŭ?"

Respondo: Jes. La greka híppos signifas "^cevalo" kaj drómos signifas "kurado". Hippódromos signifas "^cevala vetkurado". La sama dromos trovi^gas ankaŭ en la bestonomo dromedaro (Camelus dromedarius). Ankaŭ en sindromo vi retrovos drom: sindromo = "kuni^ga kurado". Cetere kamelo devenas de la hebrea gamál, kiu donis ankaŭ la nomon de la litero gamma.

JHR

---

## Nova gazeto el Rusio

Inter pluraj novaj period-a^joj kiuj atingis nin el Rusio lastatempe estas KOMENCANTO, "por korespondaj kursanoj kaj komencantaj esperantistoj", tajpita sur unu grandformata (A3) folio.

^Gi havas tri partojn: historian, gramatikan kaj lego-amuzan, kaj aperis ^gis nun 5 numeroj. Redaktoro estas Viktor Kudrjavcev, ab.ja^s. 132, Jekaterinburg (antaŭe Sverdlovsk), 620041.

**Norvega Esperantisto**
ESPERANTOBLADET
Olaf Schous vei 18
N-0572 OSLO 5

# Ĉina radiokonkurso

^Cina Radio Internacia anoncas, ke ili aran^gas "Konkurson de scioj pri la reformado kaj malfermo de ^Cinio", inter majo kaj septembro ^ci-jare. Estas entute 5 demandoj. Por povi respondi, aùskultu program-erojn "Leterkesto" kaj "Hodiaùa ^Cinio" ekde la 18a de majo, aù denove en aùgusto. Tri premioj: ^cin-stilaj metiart^joj. Limdato la 30a de septembro.
La demandoj - kaj pliaj informoj - haveblas en nia oficejo.

# Gazetartikoloj enhavu la vorton "esperanto" titole!

Lastatempe aperis pluraj bonaj - e^c grandaj - artikoloj pri Esperanto en norvegaj gazetoj, sed kun titoloj kiaj "Logisk og enkelt" aù "B.m. håpefull". Certe trafaj esprimoj por ni kiuj jam scias pri kio temas, sed ni devas atenti, ke la plej multaj legantoj vidos nur la titolon, ne havante tempon por legi la tekston mem de ^ciu artikolo en la gazeto. El ^ci tiaj titoloj la legantoj ^generale do ricevos neniun informon, dum aliflanke e^c simpla titolo kia "De snakker esperanto sammen" almenaù sciigas, ke Esperanto ekzistas kaj uzatas.
Problemo ja estas, ke la titolon elektas ofte ^jurnal-isto aù la redaktoro. Tamen vi povas doni al ^sli proponon, kaj peti inkluzivon almenaù de la vorto esperanto.
Samo validas pri leteroj de legantoj, cetere rekomendinda formo, ^car fervore legataj.

Douglas Draper

**PÅ NORSK**

Prøv å sørge for at avis-artikler og leserinnlegg inneholder ordet esperanto i tittelen, for det er bare den de fleste lesere får tid til å lese.

dudek ok